BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Julio n-ro 7/2010

## LASTA NUMERO

Estimataj legantoj:

Ĉi tiu estas la lasta numero de nia bulteno, sub mia redaktora respondeco. Kiel vi scias, en la nuna monato julio okazas la Brazila Kongreso de Esperanto en Campo Grande / MS, kaj tie oni elektos novan estraron por Brazila Esperanto-Ligo. La daŭrigo de ĉi tiu bulteno do aŭtomate transiras al la decido de la nova gvidantaro de nia brazila movado.

Dum tri jaroj ni akurate aperigis ĉiumonate nian modestan informilon. Ĝi estis agrabla laboro por mi, kaj mi kore dankas la nemalhaveblan kunlaboron de José Roberto Tenório (grafika aranĝo), Conceição Rodrigues (papera ekspedado) kaj Alfredo Aragón (reta ekspedado). Sen ilia mirinde respondeca partoprenado tute ne eblus aperigi ĝin.
Al mi ŝajnas, ke “BEL informas” (kiun cetere iniciatis Aloisio Sartorato, antaŭ pluraj jaroj!) okupas nuntempe sufiĉe gravan lokon en nia landa movado. Ĝi estas konkreta kontakto de la movadanoj, disaj tra la tuta vasta lando, kun la estraro kaj kun iliaj kunmovadanoj. Per ĝi oni supozeble stimulas Esperantistojn labori por nia afero, per la informo, ke aliaj samideanoj tion faradas, kun serioza kaj senlaca obstino. Per ĝi ĉiuj informiĝas pri taŭgaj, fruktodonaj manieroj disvastigi kaj respektindigi nian lingvon kaj movadon. Per ĝi izolitaj, foraj BEL-anoj ekscias, ke en la Centra Oficejo oni konstante agadas por kreskigi nian Ligon.

Se paroli pri la meritoj kaj malmeritoj de tiuj lastaj tri jaroj de laborado de la finiĝanta mandato – eble ĉi tie ne estas la plej konvena loko. Sed mi ne povas ripeti ion, kion mi jam plurfoje esprimis: Prezidanto Passini repacigis nian movadon, kaj tio jam estas sufiĉe grava atingo. Honoron, dankon kaj gratulon al li!

Mi deziras al la nova estraro sukceson sur tiu sama vojo, kun aldono de pliaj atingoj, kiujn oni ne povis plenumi dum la lastaj tri jaroj. Efektive, multo estas farenda. Kaj mi rememorigu la BEL-anojn, ke la estrara laboro multe dependas de la praktika apogo de la membraro.

Fine, mi kore dankas la gesamideanojn, kiuj afable esprimis apogon al la redaktoro de “BEL informas” – per sendado de informoj pri loka agado kaj per rekono de la utileco de nia modesta bulteno. Mi petegas ilin, ke tiun saman apogon ili redirektu al la nova BEL-estraro.

Amike,
Paulo Sergio Viana

### ÚLTIMO NÚMERO

Prezados leitores:

Este é o último número que redijo do nosso boletim. Em Campo Grande, neste mês de junho, durante o 45º Congresso de Esperanto, está sendo eleita nova diretoria da Liga Brasileira de Esperanto, a quem caberá decidir sobre o futuro desta publicação.

Por três anos ela foi editada, sem falhar um só mês. Foi trabalho agradável, no entanto só possível com a imprescindível colaboração de José R. Tenório (diagramação), Conceição Rodrigues (expedição da versão em papel) e Alfredo Aragon (expedição pela internet). Muito obrigado!

Parece-me que o “BEL informas” (iniciado há anos, por Aloísio Sartorato, e infelizmente interrompido quando ele deixou o cargo de diretoria que ocupava) desempenha atualmente papel de certa relevância em nosso movimento. É o contato do Esperantista comum, por todo o país, com a diretoria da Liga e com seus “samideanoj”. Veículo de divulgação – embora modesto – do seu trabalho pelo nosso movimento.

Não cabe aqui analisar esses três anos de mandato. Entre realizações e frustrações, cabe ressaltar de novo o papel relevante de nosso Presidente, Prof. José Passini, que pacificou nosso movimento brasileiro e percorreu o país em nome da Liga. Todas as honras a ele! Esperemos que a nova diretoria conte com o mesmo apoio dos sócios e colaboradores, para que possa manter e expandir as atuais atividades.

Por fim, agradeço de coração a todos os que manifestaram apoio ao “BEL informas” – e nos enviaram suas notícias locais. Peço encarecidamente que mantenham essa fraterna postura em relação à nova diretoria, a quem desejamos todo o sucesso.

Seu

Paulo Sergio Viana

**45a BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO**

Campo Grande/MS 13a - 16a de julio 2010 La plej grava Esperanto-evento

**Al la nova estraro de Brazila Esperanto-Ligo ni deziras pacan kaj fruktodonan laboron!**

# BEL informas

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Julio n-ro 7/2010

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

**RESENDE / RJ** - Kun granda bedaŭro alvenis al ni la informo pri la forpaso de nia estimata veterano Willy N. Salles, antaŭ kelkaj semajnoj. Li aktive kaj kompetente laboris por nia afero en sia regiono, dum jardekoj. Kondolencojn al la familianoj.

**SOROCABA / SP** - La 21-a de majo estas tago de Esperanto en la urbo Sorocaba, laŭ leĝa decido, ekde la jaro 2001. Loka radio regule informas pri Esperanto de 1965! Nuntempe, ĉiutagaj programoj aŭdiĝas per Radio Boa Nova de Sorocaba. Antaŭ kelkaj semajnoj, Jorge F. Ferreira kaj Manoel B. Garcia prelegis ĉe mezgrada lernejo "Francisco Camargo César".

**RIO DE JANEIRO / RJ** - Je la 24 de majo 2010 okazis prelego pri Esperanto por ĉirkaŭ 70 studentoj, profesoroj kaj vizitantoj ĉe Universitato Castelo Branco. Poste oni proponis librojn kaj revuojn, kaj pluraj ĉeestantoj aĉetis lernolibron "Esperanto Conversacional", de Jair Salles. Flugfoliojn oni disdonis ankaŭ al homoj, kiuj ne ĉeestis la prelegon.

**BRASÍLIA / DF** - Ĉiusabate, je la 9:30 h., radistacio "Brasília Super Rádio FM" informas pri Esperanto. Eblas aŭskulti per http://www.superfm.com.br. Informojn oni sendu ĝis la koncerna mardo antaŭ la lasta sabato de ĉiu monato al evandro.avellar@gmail.com. (Informis Evandro Avellar, el Taguatinga Esperanto-Klubo.)

**RIO DE JANEIRO / RJ** - "Esperanto – instrumento por paco inter la popoloj", jen la temo de la proksima "ENESPE-CELD" – renkonto de Spiritistoj-Esperantistoj en la norda kvartalo Bento Ribeiro, je la 12-a de septembro 2010. Prelegos la eminenta Esperantisto Ismael Miranda e Silva. Adreso: R. Abílio dos Santos 137. Organizas la eventon Esperanto-Grupo L.L.Zamenhof. Kontaktu: www.lazaroluizzamenhof.com.br .

**BRASÍLIA / DF** - La aktiva kaj kompetenta Prof-o Paulo Nascentes informas, ke kunlabore kun "COOPLEM IDIOMAS", Kooperativo por Instruado de Modernaj Lingvoj, oni proponos konversacian kurson de Esperanto je niveloj A1 kaj A2 (laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro), sub lia gvidado. Li uzos la novan metodon de Josias Barboza "Esperanto en Lernejaj Klasoj". Pliaj informojn per www.cooplemidiomas.com.br. Kontaktu: pnascentes@gmail.com .

**SALTO DO LONTRA / SC** - La 5-an de Julio 2010, la urbestro de Saltodolontro, Luiz Carlos Gotardi, oficiale akceptis la francajn geesperantistojn Olivier Buisson kaj Magali Lautrou en sian kabineton kaj donacis al ili libron pri la historio de la urbo. Oni povas legi pri tio kaj rigardi fotojn ĉe http://www.rinet.com.br/2010/noticia.php?id=16374 .

**RESENDE / RJ** – Lamentamos informar o falecimento do querido companheiro Willy N. Sales, veterano batalhador do Esperanto na região. Condolências à família.

**SOROCABA / SP** - 21 maio é o Dia do Esperanto na cidade, desde 2001, por força de lei. Uma rádio local informa sobre o Esperanto regularmente desde 1965. Atualmente, a Rádio Boa Nova tem programas diários. Recentemente, apresentada palestra em escola de grau médio.

**RIO DE JANEIRO / RJ** – Em 24 de maio último, palestra para estudantes, professores e visitantes, sobre o Esperanto, na Universidade Castelo Branco.

**BRASÍLIA / DF** - Aos sábados, às 9:30 h a Brasília Super Rádio FM informa sobre o Esperanto: http://www.superfm.com.br. Enviem material para evandro.avellar@gmail.com.

**RIO DE JANEIRO / RJ** -- "Esperanto – instrumento de paz entre os povos" será o tema do próximo ENESPE-CELD", encontro de Esperantistas espíritas em Bento Ribeiro, em 12 de setembro próximo. Falará Ismael Miranda e Silva. R. Abílio Santos, 137. www.lazaroluizzamenhof.com.br.

**BRASÍLIA / DF** - Prof. Paulo Nascentes informa, que a Cooperativa de Ensino de Línguas Modernas (COOPLEM IDIOMAS) vai oferecer cursos de Esperanto segundo o quadro de referência europeu (A1 e A2). Informe-se: www.cooplemidiomas.com.br. Contato: pnascentes@gmail.com.

**SALTO DO LONTRA / SC** – Em 5 de julho de 2010, o Prefeito Luiz Carlos Gotardi recebeu oficialmente o casal Esperantista Olivier Buisson e Magali Lautrou. Leia mais em http://www.rinet.com.br/2010/noticia.php?id=16374

À nova Diretoria da Liga Brasileira de Esperanto desejamos pacífico e frutífero trabalho pelo Movimento Esperantista em nosso País.